J'ai été bien étonné en lisant dans votre carte, que Mr Ellersiek vous avait donné des nouvelles de mon bagage. N'est-ce pas une erreur? Ce serait peut-être Mr Meisel qui vous avait écrit? (Mr Ellersiek ne savait rien de mon bagage.)

Je ne peux pas vous envoyer la quittance de mon bagage, car lettres restent longtemps en route et on les ouvre, de sorte que quelqu'un pourrait sortir la quittance de la lettre, retirer mes bagages, et non seulement je ne pourrais porter plainte contre l'inconnu, mais encore je n'en aurais rien su. C'est pour cette raison que je vous envoie uniquement la copie de ma quittance. Veuillez l'envoyer à mon neveu Julian Meisel (Adresse: Berlin, W. 15, Meinekestraße 16—17), en lui demandant de ma part, s'il ne pouvait recevoir mes colis avec cette copie et les garder chez lui jusqu'à la fin de la guerre. (Ce sont 2 coffres brun-jaunâtres, avec les initiales K. Z. sur le haut et ma carte de vizite sur les côtés.) Si, à la gare, on ne voulait pas les lui donner directement, il pourrait facilement les avoir par intermédiaire d'une agence.

J'avais déjà écrit a mon neveu (une fois par vous et une autre fois via Stockholm), mais probablement il n'a pas reçu mes lettres.

---

J'ai reçu quelques lettres du général. Je lui en ai écrit aussi quelques-unes, mais je crains, qu'il ne les a pas reçues. Voudriez vous lui communiquer que moi, aussi que toute ma famille, nous nous trouvons en très bon état. Pour ce qui concerne Mr Bujwid, il n'est pas vrai qu'il soit péri. En effet, il a eu un accident, mais il vit et est en bonne santé à l'heure qu'il est.

Veuillez accepter mes salutations cordiales.

* * *

*[Traduko:*

*Kara fraŭlino Noll! — Mi dankas vin pro via karto de la 27. IX., kiun mi ricevis hieraŭ. La leteroj, kiujn vi skribis antaŭ la karto (en germana lingvo) ankaŭ atingis min.*

*En la monatoj Aŭgusto kaj Septembro mi skribis al vi 3 aŭ 4 leterojn (komence en Esperanto kaj poste germane). Ŝajnas al mi, ke vi ne ricevis ilin, ĉar vi ne iel ajn aludis ilin. Pro tio mi nun provas skribi al vi france. Mi ripetas do mian sinceran dankon pro la klopodoj' kiujn vi faris rilate la telegramojn interŝanĝitajn inter mi kaj mia frato. Li jam revenis kaj dankas vin ankaŭ. Mi volis sendi al vi la monon, kiun mi ŝuldas al vi pro la telegramoj, sed nia poŝto nuntempe ne akceptas monon por la eksterlando. Do, mi petas vin, bonvolu pardoni, ke mi povas pagi al vi mian ŝuldon nur post la fino de la milito.*

*Mi tre surpriziĝis legante sur via karto, ke s-ro Ellersiek donis al vi sciigojn pri mia pakajo. Ĉu tio ne estas eraro? Eble tiu, kiu skribis al vi, estas s-ro Meisel? (S-ro Ellersiek ne sciis ion pri mia pakajo.)*

*Mi ne povas sendi al vi la kvitancon pri mia pakaĵo, ĉar la leteroj restas longtempe survoje kaj oni malfermas ilin tiel, ke oni povus preni la kvitancon el la letero, forpreni miajn pakaĵojn kaj mi ne nur ne povus plendi kontraŭ la nekonatulo, sed mi eĉ ne scius ion pri la afero. Pro tio mi sendis al vi nur la* k o p i o n. *Bonvolu sendi ĝin al mia nevo* J u l i a n  M e i s e l *(adreso: Berlin W. 15, Meinekestraße 16—17), demandante lin en mia nomo, ĉu li ne povus ricevi miajn pakajojn per ĉi tiu kopio kaj konservi ilin ĉe si ĝis la fino de la milito. (Ili estas du kofroj brun-flavetaj, kun la komencaj literoj K. Z. sur la supra flanko kaj mia vizitkarto ĉe la flankoj.) Se, en la stacidomo, oni ne volus doni ilin rekte al li, li tre facile povus ricevi ilin helpe de agentejo.*

*Mi jam skribis al mia nevo (unufojon helpe de vi kaj alian fojon tra Stockholm), sed verŝajne li ne ricevis miajn leterojn.*

---

*Mi ricevis kelkajn leterojn de ĝenerala enhavo. Mi skribis ankaŭ kelkajn pri la afero, sed mi timas, ke li ne ricevis ilin. Bonvolu sciigi lin, ke mi, kaj ankaŭ mia tuta familio, troviĝas en tre bona stato. Kio koncernas s-ron Bujwid, ne estas vere, ke li mortis. Fakte, li havis akcidenton, sed li vivas kaj nuntempe estas en bona sanstato. Bonvolu akcepti miajn korajn salutojn.]*

☆

## Al s-ro *Georg Mahn*, Berlin

N-ro 373. L. 14. XI. 1915

Lieber Herr Mahn! — Das Telegramm sowie auch den übersetzten Brief von Fräulein Noll (v. 31/X) habe ich dankend erhalten. Wollen Sie in meinem Namen Frl. Noll herzlichst danken für die Mühe, die sie sich für uns giebt. Mein Bild für das zu herausgebende Werkchen zu benutzen, erlaube ich natürlich ganz gern. Eine neue Photographie von mir kann ich leider nicht empfehlen, da ich mich schon lange nicht photographieren ließ. Eine Photographie von 1908 könnte Frl. Noll vielleicht bei Bieber in Berlin oder bei Meyer in Dresden bekommen. (Ich möchte sehr gern eins senden, aber leider besitze ich kein einziges Exemplar.) — Für den Kongreß nach dem Kriege wäre meiner Ansicht nach Kopenhagen ein ganz entsprechender Platz, wenn unsere dänischen Freunde die Mühe auf sich nehmen wollen. Ich bitte Frl. Noll meinen herzlichen Gruß den dänischen Esperantisten zu übergeben. — Nun ein paar Worte für meine Tochter:

Liebe Sophie! Mit großer Freude haben wir durch Herrn Mahn und Frl. Noll telegraphisch und brieflich Nachricht von dir erhalten. Unruhig sollst du jedenfalls nicht sein, auch wenn du von uns ganz lange keine Nachrichten erhältst, denn die Korrespondenz ist mit großen Schwierigkeiten verbunden. In den letzten vier Monaten habe ich mehrere Personen gebeten, dir Nachrichten von uns zu über-

liefern, ich weiß aber nicht ob du dieselben erhalten hast. Von dir haben wir nur ein einziges Mal Nachricht erhalten, nämlich jetzt durch Frl. Noll. Wir befinden uns alle vollkommen wohl. Adam arbeitet als Arzt, Lili besucht die Schule. In unserem Leben hat sich absolut nichts geändert, nur die ärztliche Praxis ist natürlich weit kleiner. Wie befinden sich Onkel Konstantin und Tante Elisabeth? Wie befinden sich Onkel Heinrich und Alexander? Von Onkel Heinrich haben wir absolut keine Nachricht; teile ihm mit, daß seine Familie sich vollkomen wohl befindet.

Herzliche Grüsse von uns allen[1].

P. S. Korrespondierst du nicht mit Onkel und Tante Levite? Weißt du nicht, ob die Söhne der Tante Marie leben?

* * *

*[Traduko:*

*Kara sinjoro Mahn! — La telegramon kaj ankaŭ la tradukitan leteron de fraŭlino Noll (de la 31. X.) mi kun danko ricevis. Bonvolu en mia nomo korege danki al f-ino Noll pro la klopodoj faratáj de ŝi por ni. Kompreneble mi tre volonte permesas, uzi mian bildon por la eldonota verketo. Novan fotografaĵon de mi mi bedaŭrinde ne povas rekomendi, ĉar jam de longa tempo mi ne fotografatigis min. Fotografaĵon el la jaro 1908 f-ino Noll eble ricevos ĉe Bieber en Berlino aŭ ĉe Meyer en Dresden. (Mi tre volonte sendus iun, sed bedaŭrinde mi posedas eĉ ne unu ekzempleron.) Por la postmilita kongreso laŭ mia opinio Kopenhagen estos tre taŭga loko, se niaj danaj amikoj volos preni sur sin la penon. Mi petas f-inon Noll, ke ŝi transdonu al la danaj esperantistoj mian koran saluton. — Nun kelkaj vortoj por mia filino:*

*Kara Sofio! Kun granda ĝojo ni helpe de s-ro Mahn kaj f-ino Noll telegrafe kaj letere ricevis sciigon pri vi. Ĉiukaze ne maltrankviliĝu, eĉ ne tiam, kiam vi dum tre longa tempo ne ricevos sciigojn de ni, ĉar la korespondado estas ligita kun grandaj malfacilaĵoj. En la lastaj kvar monatoj mi petis plurajn personojn, transdoni al vi sciigojn pri ni, sed mi ne scias, ĉu vi ricevis ilin. De vi nur unu solan fojon ni ricevis sciigon, nome helpe de f-ino Noll. Ni ĉiuj tute bonfartas. Adamo laboras kiel kuracisto, Lili vizitas la lernejon. En nia vivo ŝanĝis absolute nenio, nur la kuracista praktiko kompreneble estas multe pli malgranda. Kiel fartas onklo Konstantino kaj onklino Elisabeto? Kiel fartas onkloj Henriko kaj Aleksandro? De onklo Henriko ni havas absolute neniun sciigon; sciigu lin, ke lia familio tute bonfartas. Korajn salutojn de ni ĉiuj.*

*P. S. Ĉu vi ne korespondas kun geonkloj Levite? Ĉu vi ne scias, ĉu la filoj de onklino Mario vivas?]*

☆

[1] *Sophie Zamenhof ne revidis la patron. Ke li mortis, tion ŝi (laŭ sciigo de f-ino Noll) aŭdis per rusa gazeto, kiu raportis pri la morto de l' aŭtoro de Esperanto (la 25. IV. 1917).*

Al ges-roj *Freund,* Breslau

N-ro 374. L. 24. VI. 1916

Herrn Siegmund Freund nebst Gemahlin, Breslau. — Empfangen Sie meine herzliche Gratulation zur Geburt Ihres Knaben. Meine Vornamen, die Sie ihm beigelegt haben, mögen ihm Glück bringen und sie mögen ihn immer an diejenigen Ideale erinnern, für die ich leider nicht viel thun konnte, für die ich aber immer arbeiten wollte.

* * *

*[Traduko:*

*Al gesinjoroj Siegmund Freund. — Akceptu mian koran gratulon pro la naskiĝo de via fileto. Miaj antaŭnomoj, kiujn vi donis al li, alportu al li feliĉon kaj ili memorigu lin ĉiam al tiuj idealoj, por kiuj mi bedaŭrinde ne povis fari multon, sed por kiuj mi ĉiam volis labori.]*

☆ ☆ ☆

N-ro 375. N 26. II. (11. III.) 1910

*Recepta folieto.*

*(Pollingva surpresaĵo:)*

Dr. Ludwik Zamenhof

Okulista

Przyjmuje od 9 do 11 r. i od 4-ej do 6-ej p. p.[1].

Warszawa, ul. Dzika No 9.

19—0

Rp. De s-ro A. Saĥarov mi ricevis (per sinjoro Romanoviĉ) cent rublojn dudek tri kopekojn (100 r. 23 kop.).

26/II 11/III 1910. L. Zamenhof.

[1] *signifas: Akceptadas de la 9-a ĝis la 11-a matene kaj de la 4-a ĝis 6-a posttagmeze. (Ĉi tiun papereton mi ankaŭ presigis; ĝi estos interesa por la legantoj, ĉar ĝi montras, ke Zamenhof uzis Esperanton ankaŭ en propraj negocaj aferoj. Noto de l' kolektinto.)*

# VI. ORIGINALAJ POEMOJ

*La originalaj poemoj 1—5 troviĝas en la „Fundamenta Krestomatio“ (ekz. V-a eldono, paĝ. 317—323), la poemo sub n-ro 6 en la „Aldono“ (V-a eldono, paĝ. 459—460).*

*Pri la lasta strofo al n-ro 6 kaj la poemoj sub n-roj 7—9 komparu la koncernajn notojn.*

*La poemoj 1—6 (= Wüster: Poem) prezentas, se oni studadas ilin atente, la tutan programon de Zamenhof en poezia formo, ne nur rilate la novan lingvon, sed ankaŭ rilate lian politikan pozicion kaj religian sentadon.*

*Kelkaj legantoj eble miros pri tio, ke la parto VI estas tiom malmultampleksa. Zamenhof verkis ja ankaŭ aliajn poemojn, sed ili ĉiuj estas nur tradukoj.*

* * *

N-ro 1. La Espero

1. En la mondon venis nova sento,
Tra la mondo iras forta voko;
Per flugiloj de facila vento
Nun de loko flugu ĝi al loko.

Ne al glavo sangon soifanta
Ĝi la homan tiras familion:
Al la mond' eterne militanta
Ĝi promesas sanktan harmonion.

2. Sub la sankta signo de l' espero
Kolektiĝas pacaj batalantoj,
Kaj rapide kreskas la afero
Per laboro de la esperantoj.

Forte staras muroj de miljaroj
Inter la popoloj dividitaj;
Sed dissaltos la obstinaj baroj,
Per la sankta amo disbatitaj.

3. Sur neŭtrala lingva fundamento,
Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento
Unu grandan rondon familian.

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos,
Ĝis la bela songô de l' homaro
Por eterna ben' efektiviĝos.

N-ro 2.

## La Vojo

1. Tra densa mallumo briletas la celo,
Al kiu kuraĝe ni iras.
Simile al stelo en nokta ĉielo,
Al ni la direkton ĝi diras.
Kaj nin ne timigas la noktaj fantomoj,
Nek batoj de l' sorto, nek mokoj de l' homoj,
Ĉar klara kaj rekta kaj tre difinita
Ĝi estas, la voj' elektita.

2. Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
Ni iru la vojon celitan!
Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
Traboras la monton granitan.
L' espero, l' obstino kaj la pacienco —
Jen estas la signoj, per kies potenco
Ni paŝo post paŝo, post longa laboro,
Atingos la celon en gloro.

3. Ni semas kaj semas, neniam laciĝas,
Pri l' tempoj estontaj pensante.
Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas, —
Ni semas kaj semas konstante.
„Ho, ĉesu!“ mokante la homoj admonas, —
„Ne ĉesu, ne ĉesu!“ en kor' al ni sonas:
„Obstine antaŭen! La nepoj vin benos,
Se vi pacience eltenos.“

4. Se longa sekeco aŭ ventoj subitaj
Velkantajn foliojn deŝiras,
Ni dankas la venton, kaj, repurigitaj,
Ni forton pli freŝan akiras.
Ne mortos jam nia bravega anaro,
Ĝin jam ne timigos la vento, nek staro,
Obstine ĝi paŝas, provita, hardita,
Al cel' unu fojon signita!

5. Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
Ni iru la vojon celitan!
Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
Traboras la monton granitan.
L' espero, l' obstino kaj la pacienco —
Jen estas la signoj, per kies potenco
Ni paŝo post paŝo, post longa laboro,
Atingos la celon en gloro.

N-ro 3.

## Al la Fratoj[1]

1. Forte ni staru, fratoj amataj,
Por nia sankta afero!
Ni bataladu kune tenataj
Per unu bela espero!

2. Regas ankoraŭ nokto sen luno,
La mondo dormas obstine,
Sed jam leviĝos baldaŭ la suno,
Por lumi, brili senfine.

3. Veku, ho veku, veku konstante,
Ne timu ridon, insulton!
Voku, ho voku, ripetadante,
Ĝis vi atingos aŭskulton!

4. Dekon da fojoj vane perdiĝos
La voko via ridata, —
La dekunua alradikiĝos,
Kaj kreskos frukto benata.

5. Tre malproksime ĉiuj ni staras
La unuj de la aliaj . . .
Kie vi estas, kion vi faras,
Ho, karaj fratoj vi miaj?

6. Vi en la urbo, vi en urbeto,
En la malgranda vilaĝo,
Ĉu ne forflugis kiel bloveto
La tuta via kuraĝo?

7. Ĉu vi sukcese en via loko
Kondukas nian aferon,
Aŭ eksilentis jam via voko,
Vi lacaj perdis esperon?

8. Iras senhalte via laboro
Honeste kaj esperante?
Brulas la flamo en via koro
Neniam malfortiĝante?

9. Forte ni staru, brave laboru,
Kuraĝe, ho nia rondo!
Nia afero kresku kaj floru
Per ni en tuta la mondo!

10. Ni ĝin kondukos ne ripozante,
Kaj nin lacigos nenio;
Ni ĝin traportos, sankte ĵurante,
Tra l' tuta mondo de Dio!

11. Malfacileco, malrapideco
Al ni la vojon ne baros.
Sen malhonora malkuraĝeco
Ni kion povos, ni faros.

12. Staras ankoraŭ en la komenco
La celo en malproksimo, —
Ni ĝin atingos per la potenco
De nia forta animo!

13. Ni ĝin atingos per la potenco
De nia sankta fervoro,
Ni ĝin atingos per pacienco
Kaj per sentima laboro.

14. Glora la celo, sankta l' afero,
La venko — baldaŭ ĝi venos;
Levos la kapon ni kun fiero,
La mondo ĝoje nin benos.

15. Tiam atendas nin rekompenco
La plej majesta kaj riĉa:
Nia laboro kaj pacienco
La mondon faros feliĉa!

---

[1] *Ĉi tiu poemo jam 1889 aperis en „La Esperantisto“.*

## N-ro 4. Mia Penso

1. Sur la kampo, for de l' mondo,
Antaŭ nokto de somero,
Amikino en la rondo
Kantas kanton pri l' espero.
Kaj pri vivo detruita
Ŝi rakontas kompatante, —
Mia vundo refrapita
Min doloras resangante.

2. „Ĉu vi dormas? Ho, sinjoro,
Kial tia senmoveco?
Ha, kredeble rememoro
El la kara infaneco?"
Kion diri? Ne ploranta
Povis esti parolado
Kun fraŭlino ripozanta
Post somera promenado!

3. Mia penso kaj turmento,
Kaj doloroj kaj esperoj!
Kiom de mi en silento
Al vi iris jam oferoj!
Kion havis mi plej karan —
La junecon — mi ploranta
Metis mem sur la altaron
De la devo ordonanta!

4. Fajron sentas mi interne,
Vivi ankaŭ mi deziras, —
Io pelas min eterne,
Se mi al gajuloj iras . . .
Se ne plaĉas al la sorto
Mia peno kaj laboro —
Venu tuj al mi la morto,
En espero — sen doloro!

## N-ro 5. Ho, mia kor'

1. Ho, mia kor', ne batu maltrankvile,
El mia brusto nun ne saltu for!
Jam teni min ne povas mi facile,
Ho, mia kor'!

2. Ho, mia kor'! Post longa laborado
Ĉu mi ne venkos en decida hor'!
Sufiĉe! trankviliĝu de l' batado,
Ho, mia kor'!

## N-ro 6. Preĝo sub la verda standardo

1. Al Vi, ho potenca senkorpa mistero,
Fortego, la mondon reganta,
Al Vi, granda fonto de l' amo kaj vero
Kaj fonto de vivo konstanta,
Al Vi, kiun ĉiuj malsame prezentas,
Sed ĉiuj egale en koro Vin sentas,
Al Vi, kiu kreas, al Vi, kiu reĝas,
Hodiaŭ ni preĝas.

2. Al Vi ni ne venas kun kredo nacia,
Kun dogmoj de blinda fervoro:
Silentas nun ĉiu disput' religia
Kaj regas nur kredo de koro.
Kun ĝi, kiu estas ĉe ĉiuj egala,
Kun ĝi, la plej vera, sen trudo batala,
Ni staras nun, filoj de l' tuta homaro
Ĉe Via altaro.

3. Homaron Vi kreis perfekte kaj bele,
Sed ĝi sin dividis batale;
Popolo popolon atakas kruele,
Frat' fraton atakas ŝakale.
Ho, kiu ajn estas Vi, forto mistera,
Aŭskultu la voĉon de l' preĝo sincera,
Redonu la pacon al la infanaro
De l' granda homaro!

4. Ni ĵuris labori, ni ĵuris batali,
Por reunuigi l' homaron.
Subtenu nin, Forto, ne lasu nin fali,
Sed lasu nin venki la baron;
Donacu Vi benon al nia laboro,
Donacu Vi forton al nia fervoro,
Ke ĉiam ni kontraŭ atakoj sovaĝaj
Nin tenu kuraĝaj.

5. La verdan standardon tre alte ni tenos;
Ĝi signas la bonon kaj belon.
La Forto mistera de l' mondo nin benos,
Kaj nian atingos ni celon.
Ni inter popoloj la murojn detruos,
Kaj ili ekkrakos kaj ili ekbruos
Kaj falos por ĉiam, kaj amo kaj vero
Ekregos sur tero.

N-ro 6a.

## Lasta strofo de la „Preĝo sub la verda standardo“[1]

Kuniĝu la fratoj, plektiĝu la manoj,
Antaŭen kun pacaj armiloj!
Kristanoj, hebreoj aŭ mahometanoj
Ni ĉiuj de Di' estas filoj.
Ni ĉiam memoru pri bon' de l' homaro,
Kaj malgraŭ malhelpoj, sen halto kaj staro
Al frata la celo ni iru obstine
Antaŭen, senfine!

---

[1] *D-ro Zamenhof mem ne presigis ĝin en la „Krestomatio“. Do, ĝi hodiaŭ estas malmulte konata. Ĝi estas publikigita el „Tra la mondo“ n-ro 2 (kiu ne estis al mia dispono) en „British Esperantist“ II. 1906, n-ro 14, paĝ. 18. Cetere ĝi ankaŭ troviĝas en „Deveno kaj Historio de Esperanto“, n-ro 2, Praha, 1908, paĝ. 8—12 je la fino de la kongresa parolado en Boulogne-sur-Mer; sed tie Zamenhof ne citis ĝin, sed nur la strofojn 1—5.*

N-ro 7.

### Al la „Esperantisto“

*A. Grabowski „La Liro de la Esperantistoj“, Nürnberg, W. Tümmel's Buch- und Kunstdruckerei 1893, paĝ. 5.*

1. En bona hor'! Ni aŭdis la signalon
Kaj[1] bataleme saltas nia koro.
Konduku nin, komencu la batalon
Sub bona stelo, en feliĉa horo!

2. Amikoj de proksime, malproksime,
Salutas vin, ho nia luma stelo!
Konduku nin, senhalte kaj sentime,
Al nia granda, sankta, glora celo!

3. Ne tre facila estos nia vojo
Kaj ne malmulte ankaŭ ni suferos;
Sed batalante, kun plej granda ĝojo
Senhalte ni laboros kaj esperos.

4. For estas jam la baroj de l' komenco,
L' unua muro estas trarompita,
Kaj dolĉa estos nia rekompenco,
Kiam la celo estos alvenita.[2]

N-ro 8.

### Saluto al „Verda Radio“.[3]

Vi, „Verda Radio“, ekbrilo, karulo,
Per brilo fortika, per brilo konstanta,
Kaj malgraŭ malhelpoj de l' norda nebulo
Vi restu fidiga, vi restu lumanta,
Ke ni vin rigardu kaj diru: „ĝi estas,
Ĝi provojn ne faras, ĝi vivas, ĝi restas“.

N-ro 9.

### Pluvo

Wüster: Pluvo

*„Tutmonda Espero“ (Kataluna Esperantisto) II. 1909, paĝ. 114.*
*„British Esperantist“ X. 1914, n-ro 120, paĝ. 239.*

1. Pluvas kaj pluvas kaj pluvas kaj pluvas
Senĉese, senfine, senhalte,
El ĉiel' al la ter', el ĉiel' al la ter'
Are gutoj frapiĝas resalte.

---

[1] *Anstataŭ „kaj“ Grabowski ĉiam skribas „ed“, sed estas evidente, ke li faris tion sen interkonsento kun d-ro Zamenhof.*

[2] *ne preseraro! Komp. ankaŭ la noton al II. 3, sur paĝ. 39.*

[3] *„Verda Radio“ estas almanako de originalaj verkoj, eldonita 1911 en Riga de la samnoma Esperantista Literatura Rondeto.*

2. Tra la sonoj de l' pluvo al mia orelo
Murmurado penetras mistera,
Mi revante aŭskultas, mi volus kompreni,
Kion diras la voĉo aera.

3. Kvazaŭ ia sopir' en la voĉo kaŝiĝas
Kaj aŭdiĝas en ĝi rememoro ...
Kaj per sento plej stranga, malĝoja kaj ĝoja,
En mi batas konfuze la koro.

4. Ĉu la nuboj pasintaj, jam ofte viditaj,
Rememore en mi reviviĝis,
Aŭ mi revas pri l' sun', kiu baldaŭ aperos,
Kvankam ĝi en la nuboj kaŝiĝis?

5. Mi ne volas esplori la senton misteran,
Mi nur revas, mi ĝuas, mi spiras;
Ion freŝan mi sentas, la freŝo min logas,
Al la freŝo la koro min tiras.

# ANTAŬ,PAROL,O

## al la vort,ar,o de la lingv,o „Esperanto“.

*En tiu ĉi libr,et,o Vi trov,os la vort,ar,o,n de la lingv,o internaci,a „Esperanto“. La vort,ar,o est,as tiel konstru,it,a, ke k,iu el,lern,is la vort,ar,o,n tiu pov,as kuraĝ,e dir,i, ke li sci,as la tut,a,n lingv,o,n. Ni pet,as Vi,n respond,i, ĉu la lingv,o Esperanto plaĉ,as al Vi, kaj* ***ĉu oni pov,as en,skrib,i Vi,n en la nombr,o,n de la person,o,j kiu,j el,lern,is tiu,n ĉi lingv,o,n*** *(*); ĉar laŭ la mult,e ripet,it,a pet,o nun est,as el,don,at,a la nom,ar,o de ĉiu,j amik,o,j de la lingv,o Esperanto. (Vid,u paĝ,o,n 8).*

*Kia,n grand,eg,a,n signif,o,n hav,us por la hom,ar,o la en,konduk,o de unu lingvo neŭtral,a, per kiu person,o,j de mal,egal,a,j naci,o,j pov,us parol,i kaj korespond,i inter si,— pri tio ĉi ni ne bezon,as perd,i mult,e da vort,o,j. Ĉiu kompren,as tio,n ĉi tre bon,e, kaj tial ni esper,as, ke ĉiu kun plezur,o don,os al ni help,a,n man,o,n.*

***La lingv,o Esperanto est,as tiel konstru,it,a, ke se Vi el,lern,is ĝi,n, Vi pov,as korespond,i kun la tut,a mond,o, kaj ĉiu en la mond,o Vi,n facil,e kompren,os, se li eĉ tut,e ne kon,as tiu,n ĉi lingv,o,n*** *(Vi dev,as nur*

---

(*) *Respond,o,n oni pet,as Vi,n send,i al:* **L. Zamenhof, en Varsovio.**

Komp. I. 4.

38*

*al,met,i al Vi,a leter,o la „vort,ar,o,n", kiu,n oni pov,as facil,e en,met,i en ĉia,n leter,o,n; al person,o,j kiu,j jam el,lern,is la lingv,o,n, Vi pov,as send,i leter,o,j,n sen la vort,ar,o).*

*La lingv,o Esperanto, frukt,o de long,a,j labor,o,j, est,as lingv,o plen,a, tut,e pret,a kaj ekster,ordinar,e facil,a. Pro si,a grand,a grav,ec,o, ekster,ordinar,a facil,ec,o, praktik,ec,o kaj bon,son,ec,o la lingv,o Esperanto en mal,long,a temp,o trov,is mult,eg,e da amik,o,j en ĉiu,j land,o,j kaj ili,a nombr,o konstant,e kaj rapid,e kresk,as. Ni esper,as, ke ankaŭ Vi, sinjor,o, help,os, kiom Vi pov,os, la afer,o,n de tiu ĉi lingv,o kaj Vi vol,os ankaŭ dis,don,i kaj dis,send,i kelk,a,n nombr,o,n de la vort,ar,et,o,j (kun,e kun la antaŭ,parol,o) al Vi,a,j amik,o,j kaj kon,at,o,j kaj ankaŭ al ali,a,j person,o,j, al kiu,j Vi trov,os util,e send,i.*

☞ *La mal,grand,a vort,ar,o en,hav,as en si la tut,a,n lingv,o,n Esperanto kaj kost,as tre mal,mult,e (1 vort,ar,o kost,as 3 kopek,o,j,n; 100 vort,ar,o,j kost,as 2½ rubl,o,j,n = 5 mark,o,j = 6 frank,o,j); tial ĝi pov,as est,i dis,don,at,a kaj dis,send,at,a en grand,a nombr,o. La amik,o,j de la lingv,o tut,mond,a ne forges,u, ke ju en pli grand,a nombr,o la vort,ar,o,j dis,ir,os en la mond,o, des pli rapid,e ni,a afer,o ven,os al la cel,o.*

# NOM,ARO

## de l' verk,o,j pri la lingv,o inter,naci,a Esperanto, kiuj elir,is ĝis Oktobr,o 1889.

| № | Nom,o de l' verk,o: | Kost,o: |
|---|---|---|
| 1. | *D-r,o Esperanto.* Международный Языкъ. Предисловіе и Полный Учебникъ (Lern,o,libr,o de la lingv,o Esperanto. El,don,o rus,a) . . . . . . . . . . . . . . . | 15 kopek,o,j. |
| 2. | — Język Międzynarodowy. Przedmowa i Podręcznik Kompletny. (Lern,o,libr,o de la lingv,o Esperanto. El,don,o pol,a) | 15 kop. |
| 3. | — Langue Internationale. Préface et Manuel Complet (Lern,o,libr,o de la lingv,o Esperanto. El,don,o franc,a) . | 20 kop. |
| 4. | — Internationale Sprache. Vorrede und Vollständiges Lehrbuch (Lern,o,libr,o de la lingv,o Esperanto. El,don,o german,a) . . . . . . . . . . . . . . | 20 kop. |
| 5. | *R. Geoghegan.* Dr. Esperanto's International Language. Introduction and Complete Grammar. (Lern,o,libr,o de la lingv,o Esperanto. El,don,o angl,a) . . | 20 kop. |
| 6. | *D-r,o Esperanto.* Mal,grand,a vort,ar,o de la lingv,o Esperanto (kun antaŭ,parol,o) por Rus,o,j . . . . . . . . . . . . | 3 kop. |
| 7. | — por Pol,o,j . . . . . . . . . . . . . | 3 kop. |
| 8. | — por Franc,o,j . . . . . . . . . . . . | 3 kop. |
| 9. | — por German,o,j . . . . . . . . . . . | 3 kop. |
| 10. | — por Angl,o,j . . . . . . . . . . . . | 3 kop. |
| 11. | *D-r,o Esperanto.* Du,a Libr,o de l' Lingv,o Inter,naci,a (verk,it,a en la lingv,o Esperanto) . . . . . . . . . . . . . . | 25 kop. |

| № | Nom.o de l' verk.o: | Kost.o: |
|---|---|---|
| 12. | *D-ro Esperanto.* Al.don.o al la Du.a Libr.o de l' Lingv.o Inter.naci.a (en Esperanto) | 10 kop. |
| 13. | *Hanez.* Safah achath lekulanu (Lern.o libr.o de la lingv.o Esperanto. El.don.o hebre.a) . . . . . . . . . . . . . . | 20 kop. |
| 14. | *A. Grabowski.* La Neĝa Blov.ad.o. Rakont.o de *Puŝkin* (en Esperanto) . . . . . . | 15 kop. |
| 15. | *L. Einstein.* La Lingvo Internacia als beste Lösung des internationalen Weltsprache-Problems. Vorwort, Grammatik und Styl nebst Stammwörter-Verzeichniss nach dem Entwurf des pseudonymen Dr. Esperanto . . . . . . . | 50 kop. |
| 16. | *N. N.* Rusa traduk.o de la „Du.a Libr.o de l' Lingv.o Inter.naci.a" . . . . . | 25 kop. |
| 17. | *D-r.o Esperanto.* Plen.a vort.ar.o rus.a-inter.naci.a . . . . . . . . . . . . . . | 1 rublo. |
| 18. | *N. N.* Rus.a traduk.o de la „Al.don.o al la Du.a libr.o" . . . . . . . . . . . . | 10 kop. |
| 19. | *A. Grabowski.* La Ge.frat.oj. Komedi.o de Göthe (en Esperanto) . . . . . . . . | 15 kop. |
| 20. | *L. Einstein.* Weltsprachliche Zeit und Streitfragen. Volapük und Lingvo Internacia . . . . . . . . . . . . . . . | 25 kop. |
| 21. | *D-r.o Esperanto.* Mez.a vort.ar.o inter.naci.a-german.a . . . . . . . . . . . . . | 25 kop. |
| 22. | *Henry Phillips, Jr.* An Attempt towards an International Language by Dr. Esperanto, translated by Henry Phillips Jr., a secretary of the American Philosophical Society. Together with an en- | |

| № | Nomo de l' verko: | Kosto: |
|---|---|---|
| | glish-international vocabulary compiled by the translator . . . . . . . . | 50 kop |
| 23. | *Hanez.* Lernolibro de la lingvo Esperanto. Eldono hebrea-germana . . . . . . | 20 kop. |
| 24. | *G. Henriclundquist.* Dr. Esperanto's Internationelt Språk (Lernolibro de la lingvo Esperanto. Eldono sveda) . . . | 20 kop. |
| 25. | *A. Demonget.* Internacia ou Volapük? par Léopold Einstein, traduction de Auguste Demonget . . . . . . . . . . | 25 kop. |
| 26. | *E. de Wahl.* Vortaro Esperanto-hispana . | 3 kop. |
| 27. | *G. Henriclundquist.* Vortaro Esperanto-sveda . | 3 kop. |
| 28. | *Klubo Nürnberga.* La Lingvo Internacia, Vollständiger Lehrgang der internationalen Sprache nebst Wörterbuch zum Gebrauche für Deutsche. Herausgegeben vom Nürnberger Weltsprache-Verein . | 25 kop. |
| 29. | *R. Libek.* Starptautiska Waloda (Lernolibro de la lingvo Esperanto. Eldono latva) (Lettisch) . . . . . . . . . . . . | 60 kop. |

Ĉiuj supre skribitaj verkoj povas esti ricevataj en multaj librejoj; se Vi ne ricevos ilin en librejo, Vi povas sendi la necesan monon rekte al „L. Zamenhof, Varsovio", kaj li elsendos al Vi la deziritajn verkojn rekte per la poŝto. Anstataŭ mono oni povas sendi signojn de poŝto (de ĉia lando). Por la poŝta transsendo oni devas aldoni po 20% de la kosto de l' verkoj. Kiu aĉetas ne malpli ol por unu rublo, tiu por la transsendo ne pagas.

☞ Kiu vol.as ĉiam sci.i pri la progres.ad.o de la lingv.o Esperanto, al tiu ni rekomend.as *la gazet.o.n* **„La Esperant.ist.o"**. Ĝi el.ir.as (en la lingv.o.j Esperanto kaj german.a) unu foj.o.n en la monat.o kaj kost.as (kun trans.send.o) 58 kop. por la $^1/_4$ jar.o. Redaktor.o: Chr. Schmidt, en *Nürnberg*, Spittlerthorgraben 33.

---

☞ Est.as prepar.at.a.j kaj el.ir.os post mal.long.a temp.o la post.ir.ant.a.j verk.o.j, kiu.j.n **ni varm.eg.e rekomend.as al ĉiu.j amik.o.j de la lingv.o Esperanto:**

a) *Kolekt.o da nov.a.j verk.o.j skrib.it.a.j en la lingvo Esperanto.* Tiu ĉi libr.o el.ir.os per 10 kajer.o.j. La kost.o de ĉiu kajer.o est.as 25 kopek.o.j (kun poŝt.a trans.send.o — 30 kop.). Kiu send.as antaŭ.e por ĉiu.j 10 kajer.o.j, tiu pag.as anstataŭ $2^1/_2$ rubl.o.j nur 2 rubl.o.j.n (kun poŝt.a trans.send.o 2 rubl.o.j 25 kop.). La unu.a kajer.o el.ir.os en Oktobr.o. *Ni pet.as send.i la antaŭ.pag.o.n kiel ebl.e pli fru.e.*

b) *Nom.ar.o de la person.o.j kiu.j el.lern.is la lingv.o.n Esperanto.* Tiu ĉi libr.o el.ir.os per apart.a.j kajer.o.j (po 1000 nom.o.j en ĉiu kajer.o). La kost.o de ĉiu kajer.o est.as 10 kop. (kun trans.send.o—12 kop.). Kiu send.as antaŭ.e por 10 kajer.o.j, tiu pag.as anstataŭ 1 rubl.o—nur 60 kop. (kun trans.send.o 75 kop.). La unu.a kajer.o el.ir.os en Oktobr.o.

---

**La grand.iĝ.d.o de la literatur.o est.as tre grav.a por la feliĉ.a progres.ad.o de la lingv.o inter.naci.a. Sed la el.don.ad.o de verk.o.j postul.as tre grand.a.j.n ofer.o.j.n, kaj la literatur.o pov.as grand.iĝ.ad.i nur tiam, se la amik.o.j ĝi.n energi.e sub.ten.ad.os, regul.e aĉetante la verk.o.j.n, kiu.j est.as el.don.at.a.j en tiu ĉi lingv.o.**

Varsovio 2/14 X 94

Estimata sinjoro!

Responden je Via demando kaj konsilo Vi trovos en la ~~[illegible]~~ verketo „Respondi al la societo", kiu estos eldonita post 4–5 semajnoj. Je ĉiu okazo mi dankas Vin kore por Via bona volo.

Kun estimo

Zamenhof

Komp. V. 58.

Dr. L. SAMENHOF
Warszawa, ul. Dzika № 9.

4/17 V 03.

Kara Sinjoro!

La vortaron franca-esperantan mi ricevis kun ĝojo kaj mi dankas Vin kore. Mi ne dubas, ke tiu ĉi verko nun tre potence akcelos la disvastiĝadon de nia afero. Mi deziras al la verko la plej bonan sukceson.

Vian deziron pri la „Premières Leçons" mi plenumus tre volonte, sed ĵus mi sciigis la firmon Hachette, ke mia plena reprezentanto antaŭ tiu ĉi firmo estos s-ro de Beaufront, tial mi nun ne povas sekvi vian deziron rekte al la firmo, sed mi devas tion ĉi fari per s-ro de Beaufront

Komp. V. 221.

D-ro L. ZAMENHOF
VARSOVIO
str. Dzika № 9.

*Konfidencie*

Kara Sinjoro!

Ĉar Vi konas bone s-ron de Beaufront, mi petas Vin, ĉu Vi ne povus doni al mi iom klarigon pri la afero? En plena konfido mi elektis lin, ke li estu mia reprezentanto (aŭ la „advokato de la ~~nova~~ senŝanĝa Esperanto") antaŭ la „Delegacio"; kaj li, nenion al mi dirinte nek demandante, transiris — mia oficiala ~~reprezentanto~~ — ... al la eksteresperantista ~~Komitato~~ de ŝanĝoj! Ĉu tio ĉi estas vera? Al li persone mi ne volas plu skribi pri tio.

Via Zamenhof

Komp. V. 249.

bedeutenden ~~kleinen~~ Gewinn geben; es ist aber möglich, dass dieser kleine Gewinn nicht so bald kommen wird und dass ich vielleicht eine lange Zeit durch [illegible] nur zu zahllosen Beiträgen dem Bunde zur Last fallen werde, was mir natürlich höchst unangenehm wäre!

Ich bitte also, bevor der Bund sich entschliessen wird, die Sache zu unternehmen, ~~soll~~ möge er vorsichtig überlegen, ob die Sache für ihn passt; wenn meine Forderungen ihm vielleicht zu ... erscheinen, möge er mir das nicht übel nehmen und ganz einfach als für ihn unannehmbar ablehnen.

Komp. V. 337.
(la lastaj 10 linioj de la presita teksto)

# ENHAVO

EDMOND PRIVAT

# HISTORIO DE LA LINGVO ESPERANTO

Vol. I: **Deveno kaj komenco 1887—1900**
Dua eldono. 1923. 74 paĝoj. Kartonita Rm. 1.60
Luksa tolbindaĵo Rm. 2.50

Vol. II: **La movado: 1900—1927**
1927. 199 paĝoj. Luksa tolbindaĵo Rm. 6.—

„La du libroj helpu la novajn generaciojn iom pli funde koni kaj kompreni kiel semiĝis kaj kreskis el tero unu el la plej mirindaj greneroj de l' homa penso.“ (El la Antaŭparolo)

„... La nuna ‚Historio‘ igas imagi grandiozan orkestron tutmondan, el kiu talenta estro Privat laŭbezone ekorgenigas la voĉojn al historia simfonio pri la mondvenkanto Esperanto. Legante vi aŭdas kvazaŭ verkon de J. S. Bach: Science precize li teksas; genia rigardo kaptas ĉion nur esencan; poeta koro ekaŭdas profunden; stilisto-entuziasmulo kolorigas ĉefaĵojn imprese per ŝvelant-malplianta ĥorego. Gigante kreskas de paĝo al paĝo la templo, kiun ili konstruas, ili, la revokitaj de li adeptoj ĉiukontinentaj, ili konstruadas inter bruado kanona, sur mortlito, en nokto malluma, ĉe diplomataj tabloj, en hela lumo de internacia L. d. N., konstante, rebatite, rekreante, ĉiuj kun la fajrero en si de la lumo eterna, savonta la mondon: Sur firma bazo altiĝas la templo, sur unueca sento de bezono homara. Per tiu tutmonda akordo finiĝas la simfonio pri-kaj perlingva.“

# VIVO DE ZAMENHOF

Kun portreto de D-ro L. L. Zamenhof
1923. 109 paĝoj. Kartonita: 2.50 Rm. Bindita: 3.50 Rm.

ENHAVO:



„... Zamenhof kaj Edmond Privat. Jen du nomoj, kiuj frapas mian atento... n la legado. La Majstr... , montritan de la unu... enumas la plej ideala... cera riverenco mi kli...

FERD... KO, LEIPZIG

Fotografa reproduktaĵo de la unuaj 2 paĝoj
(komp. paĝ. 55—58)

Probe-Nummer.

# La Esperantisto.


Zeitschrift für die Freunde der Esperantosprache. | Gazeto por la amikoj de la lingvo Esperanto.

Herausgegeben unter der Mitwirkung des **Dr. Esperanto** (Dr. L. Samenhof) von **Chr. Schmidt**, Vorstand des Weltsprachevereins in Nürnberg.

Sub la kunlaborado de **Dr. Esperanto** (Dr. L. Zamenhof) eldonata de **Chr. Schmidt**, prezidanto de la klubo mondlingva en Nürnberg.

Erscheint monatlich einmal.

Eliras unu fojon en la monato.

Zu bestellen auf der Post und in der Buchhandlung von Heerdegen-Barbeck in Nürnberg.

Oni povas aboni sur la poŝto kaj en la librejo de Heerdegen-Barbeck en Nürnberg.

Preis 1 Mark für das Vierteljahr (durch die Post 1.15 Mk.).

Kosto 1 marko por 1/4 de jaro (per la poŝto 1 marko 15 pf.).

Anzeigen werden angenommen zu 20 Pfennig für die Petitzeile.

Anoncoj estas akceptataj por 20 pfenigoj por la petitlinio.

**Nr. 1.** **Nürnberg**, [illegible]. September 1889. **1. Jahrgang.**


## Prospekt.

In kurzer Zeit hat die internationale Sprache des Dr. Esperanto in verschiedenen Ländern zahlreiche Freunde gefunden und täglich, ja stündlich wächst deren Zahl, so dass schon jetzt das Bedürfnis eines Organs, welches die Anhänger unserer Sache mit einander verbinden und die Möglichkeit bieten würde, sich gegenseitig zu besprechen und zu beraten, in hohem Grade sich fühlbar macht. Einer vielfach geäusserten Bitte entsprechend, haben wir uns entschlossen, eine Zeitschrift zu gründen, welche den Zweck verfolgen wird. für den Fortschritt und die Verbreitung dieser Sprache zu wirken.

Da unser Blatt das Centralorgan für alle unsere Freunde auf der ganzen Erde bilden soll, wird der Verfasser der Esperantosprache (Herr Dr. Samenhof) bei der Leitung dieses Unternehmens an der Spitze stehen.

Ausser dem reichen Unterhaltungsstoff zur Fortbildung wird unsere Zeitung auch stets Mitteilungen über den Gang unserer Sache, sowie Vor- und Ratschläge für alle diejenigen enthalten, welche sich in den Dienst unserer Bestrebungen gestellt haben. — An uns gerichtete Fragen werden unter der Rubrik »Antworten« stets pünktliche Erledigung finden.

Alle Freunde der Esperantosprache werden gebeten, uns über den Fortschritt unserer Sache an ihrem Platze jederzeit zu unterrichten; auch werden wir für jeden guten Rat oder Vorschlag, der auf die Förderung unserer Sache abzielt, stets dankbar sein.

Unsere Zeitschrift wird nicht allein unseren Freunden sehr willkommen erscheinen, sondern auch von solchen Personen mit Freuden begrüsst werden, die sich für die Weltsprache-Idee interessieren, bis jetzt aber aus irgend welchen Gründen unseren Bestrebungen ihre Teilnahme nicht widmeten.

Die Esperantosprache ist nicht abgeschlossen und unveränderlich. Was Ihre Zukunft betrifft, so äussert sich der Verfasser darüber wie folgt: »Ich habe zwar die Grundlage zu dieser Sprache gegeben, was aber deren Weiterbildung anlangt, so liegt das Schicksal derselben in den Händen ihrer Anhänger. Es sollen von nun an ausschlaggebend sein: die Logik, das Talent und die Ansicht der Mehrzahl. Was in der Sprache beibehalten werden soll, darüber soll lediglich — ohne Rücksicht auf meine Person — die Majorität entscheiden.«

## Prospectus.

La langue internationale du Dr. Esperanto a trouvé en peu de temps bien des amis dans différents pays. Le nombre de ces amis s'accroît tous les jours, même d'heure en heure. Déjà maintenant le manque d'un organe se fait sentir au plus haut degré pour rallier tous nos amis et pour leur rendre possible de se communiquer mutuellement les desseins et les débats. A force de prières de nos amis nous avons résolu de fonder un journal qui a pour but de propager la langue internationale du Dr. Esperanto.

Ce journal, étant en même temps l'organe central pour tous les adhérents de notre cause, qui vivent dispersés sur toute la terre, l'inventeur (l'auteur M. Dr. Samenhof) de cette langue se chargera lui-même de la direction de cette entreprise.

Outre une riche matière de conversation pour se perfectionner dans cette langue, le journal contiendra toujours des communications du progrès de notre cause ainsi que des propositions et des conseils pour tous ceux qui se sont adonnés à notre cause. Toutes les questions seront toujours exactement répondues sous la rubrique »Réponses«.

Tous les amis de la langue internationale »Esperanto« sont priés de nous communiquer toujours le progrès de notre cause dans leur endroit. Nous serons aussi toujours reconnaissants de tout bon conseil ou de toute proposition qui aboutit à la propagation de notre cause.

A l'apparition de notre journal non-seulement nos amis ressentiront la plus vive joie, mais encore tous ceux qui ne se sont pas encore intéressés à nos idées je ne sais par quelles raisons.

La langue internationale »Esperanto« n'est pas encore fixée ni invariable. L'auteur s'exprime ainsi sur l'avenir de cette langue: J'ai donné seulement les principes de cette langue, mais quant à son développement, le sort en est mis dans les mains de ses adhérents. Dorénavant la logique, le talent et les avis de la majorité seront décisifs. La majorité décidera aussi — sans égard à ma personne — tout ce qui doit être retenu dans cette langue.

La langue internationale en question a une haute signification. Pouvoir réaliser cette idée,

## Prospekto.

La lingvo internacia »Esperanto« en mallonga tempo trovis mnltegon da amikoj en diversaj landoj. La nombro de tiuj ĉi amikoj kun ĉiu tago, kun ĉiu horo kreskas, kaj nun jam forte estas sentata la bezono de ia organo, kiu interligus ĉiujn la disĵetitajn amikojn kaj donus al ili la eblon paroli kaj konsiliĝi unu kun la alia. Obeante la peton de multegaj amikoj de la lingvo Esperanto. ni decidis fondi gazeton, kiu havos la celon labori por la progresado de tiu ĉi lingvo kaj por la vastigado ĝin en la mondo. La ĉefan kondukadon de nia gazeto prenis sur sin la aŭtoro de la lingvo mem (Dr. L. Zamenhof), kaj tial nia gazeto estos centra organo por ĉiuj disĵetitaj amikoj de nia afero.

Ekster la riĉa materialo por legi kaj por perfektiĝi en la lingvo, la leganto trovos en nia gazeto diversajn sciigojn pri la irado de la afero, proponojn kaj konsilojn por tiuj, kiuj volas labori por nia afero, kaj en la »Respondoj al la amikoj« estos donataj respondoj je la diversaj apartaj demandoj, kiuj venas de multaj personoj.

Ĉiujn amikojn de la lingvo Esperanto ni petas sendadi al ni ĉiam sciigojn pri la progresado de nia afero en ilia loko kaj ankaŭ proponojn kaj konsilojn. kiujn ili trovos utilaj por nia afero.

Nia gazeto havos intereson ne sole por la amikoj de la lingvo »Esperanto«; ĝi havos ankaŭ vivan intereson por ĉiuj, kiuj sin interesas je la ideo mem kaj ĝis nun ial ne aliĝis ankoraŭ al la amikoj de la lingvo »Esperanto«. La lingvo Esperanto ne estas fermita kaj neŝanĝebla. En la afero de la lingvo internacia diras la aŭtoro de tiu ĉi lingvo: »Mi ne volas esti leĝdonanto: mi donis nur la fundamenton. kaj nun mia rolo estas finita, kaj la sorto de la lingvo internacia sin trovas nun en miaj manoj ne pli multe ol en la manoj de ĉiu alia amiko de tiu ĉi lingvo. Leĝdonantoj en la afero de la lingvo internacia de nun devas esti nur logiko, talento kaj la opinio de la plejmulto. Ĉio en la lingvo devas resti tiel, kiel decidos la plej multaj, tute egale, ĉu mi persone konsentos aŭ ne.«

La demando pri lingvo tutmonda havas grandegan signifon. Se nia sankta celo estos atingita, tiam nia centjaro brilos eterne en la historio de la homaro. Kun la efektiviĝo de nia

Die Weltsprachefrage hat eine grosse Bedeutung, und die Durchführung dieser Idee wäre eine der schönsten Errungenschaften unseres Jahrhunderts, ein Glanzpunkt in der Geschichte der Völker; ja sie würde den kühnsten und teuersten Traum der Menschheit verwirklichen. Wir hoffen deshalb, dass allen, welchen das Wohl der menschlichen Gesellschaft am Herzen liegt, uns unterstützen werden, und dies umsomehr, als unsere Sache ja nur äusserst geringe Opfer und Arbeit erheischt. Die Esperantosprache ist so konstruiert, dass jeder gebildete Mensch nach dem Durchlesen der Grammatik, was kaum eine Zeit von 10 Minuten in Anspruch nimmt, im stande ist, ohne irgend eine weitere Vorbereitung in unserer Sprache verabfasste Bücher und Zeitungen lesen zu können. Wenn auch anfangs hie und da noch der Gebrauch des Wörterbuches notwendig ist, so wird man doch bald desselben ganz und gar entbehren können. Hat man mehrere in dieser Sprache geschriebene Bücher oder einige Nummern von Zeitungen durchgelesen, so wird man die freudige Wahrnehmung machen, dass man mit dieser Sprache bereits vertraut ist, ohne sie eigentlich lernen haben zu müssen. Soll dieselbe nun möglichst rasche Verbreitung finden, so ist es unbedingt nötig, dass uns allseitige Unterstützung zuteil wird.

Wir hoffen, unsere Sache werde an der Gleichgiltigkeit des Publikums nicht scheitern; wir haben im Gegenteil den begründeten Glauben, dass jeder Leser dieser Nummer nicht nur selbst mit Vergnügen unser Abonnent werden wird, sondern, davon begeistert und angeregt, unsere Zeitung auch unter seinen Freunden und Bekannten zu verbreiten sucht.

Vom 1. Oktober ab erscheint unsere Zeitung am 1. eines jeden Monats und zwar in derselben Grösse und Form, wie das vorliegende Blatt. Sie kostet vierteljährlich 1 ℳ.

Die Redaktion.

ce serait un des plus beaux triomphes de notre siécle le comble de gloire dans l'histoire de peuples; le songe le plus hardi et le plus cher s'accomplirait. De là nous espérons que tous ceux qui prennent à coeur le bien-être de l'humanité nous aideront et d'autant plus parce que cette étude n'exige que fort peu de sacrifices et peu de travail. La langue internationale „Esperanto“ est tellement formée que chacun, après avoir lu la grammaire — ce qui se fait en moins de 10 minutes — peut lire des livres et des journaux rédigés dans notre langue sans aucune autre préparation. D'abord il faudra recourir au dictionnaire ça et là, mais bientôt on pourra s'en passer tout à fait. Après avoir parcouru quelques livres rédigés dans cette langue ou quelques numéros de ces journaux, on s'apercevra avec beaucoup de joic qu'on comprend complètement cette langue sans avoir eu besoin de l'apprendre. Pour une propagation bien étendue et universelle il faut absolument que tout le monde protège notre entreprise.

Nous espérons que l'indifférence du public ne fera pas échouer notre cause; au contraire nous croyons à bon droit que tous ceux qui ont lu ce numéro, souscriront pleins de joic à notre journal et en répandront partout la nouvelle pour gagner des abonnés.

Le deuxième numéro paraît le premier octobre, et à partir de cette date le premier de chaque mois dans le même format que ce numéro. Le prix de notre journal est 1 ℳ par trimestre.

La Rédaction.

afero efektiviĝos la plej kuraĝa, la plej kara sonĝo de la homaro. Tial ni esperas, ke ĉiu, al kiu la interesoj de la homaro estas karaj, donos al ni helpan manon, tiom pli, ke nia afero postulas de ĉiu tre malmulte da oferoj kaj laboroj: la lingvon Esperanto oni povas ellerni en kelkaj tagoj, kaj tiuj, kiuj ne volas labori eĉ kelkajn tagojn, povas ellerni la lingvon eĉ tute sen laboro; ĉar la lingvo Esperanto estas tiel konstruita, ke traleginte en 10 minutoj la malgrandan gramatikon, ĉiu bone edukita homo povas rekte, sen ia preparo, komenci la legadon de libroj au gazetoj en tiu ĉi lingvo, kaj tiam li devos en la komenco de tempo al tempo enrigardi en la vortaron, sed post kelka tempo li tute libere komprenos ĉion sen vortaro. Traleginte sen ia malfacileco kelkajn librojn aŭ kelkajn numerojn de gazeto en la lingvo Esperanto, ĉiu kun plezuro ekvidos, ke li jam scias tiun ĉi lingvon, tute ĝin ne lerninte. Ju pli da subteno oni oferos al ni, des pli rapide nia sankta afero atingos la celon. Ni esperas, ke nia afero ne rompiĝos pro la indiferenteco de la publiko, kaj ĉiu, kiu ricevos tiun ĉi numeron, ne sole mem kun plezuro fariĝos nia abonanto, sed li disvastigos ankaŭ nian gazeton inter siaj amikoj kaj konatoj.

La dua numero de nia gazeto eliros la 1an de oktobro kaj la sekvantaj numeroj elirados la 1an de ĉiu monato, en tiu sama grandeco kaj formo kiel la nuna numero. Gi kostas 1 markon por $^1/_4$ jaro.

La Redakcio.

## Esperanto und Volapük.

Von Dr. L. Samenhof.

Die Bibel erzählt uns, dass einst die Menschen einen Turm bauen wollten, der bis in den Himmel reiche. Über dieses frevelhafte Unternehmen ergrimmt, verwirrte Gott ihre Sprache, so dass sie einander nicht mehr verstehen konnten. Daraus ging eines der grössten Übel der Menschheit hervor, unter welchem sie viel zu leiden hatte und heute noch zu leiden hat. In ihren Träumen versetzte sie sich oft in jene geschichtlich paradiesische vorbabylonische Zeit, welche für sie auf ewig verloren schien. Vergegenwärtigen wir uns die von Propheten und Dichtern besungene zukünftige Zeit, in welcher alle Menschen auf der Erde neben ihrer nationalen Sprache ein gemeinsames geistiges Bindemittel, eine gemeinsame Sprache besitzen werden, so fragt es sich, ob dieser Gedanke wirklich nur ein Phantasiegebilde, oder ob er realisierbar sei. In früheren Zeiten würde niemand diese Frage anders beantwortet haben als mit der Behauptung: „Ja, die Weltsprache ist ein Phantasiegebilde, welches niemals verwirklicht werden kann!“ Auch noch heutzutage finden sich unter den sogenannten „Selbstklugen“, welche jede neu auftauchende Idee ohne weiteres verwerfen und für absurd erklären, viele, die uns mit gebieterischem Ernst antworten: „Eine Weltsprache ist unausführbar, und diejenigen, die sich mit ihr beschäftigen, sind Dummköpfe.“ Sind zudem solche Selbstkluge einflussreich auf das Publikum, so sagt dieses das Gehörte blindlings nach und unterzieht sich nicht einmal der Mühe, näher zu untersuchen, was eine Weltsprache eigentlich ist, geschweige denn, dass sich jemand die Frage vorlegt, warum man denn diese Menschen Dummköpfe nennt — „wäre es nicht möglich, dass diese Dumm-

## Esperanto kaj Volapük.

De dro. L. Zamenhof.

En la profunda antikveco, rakontas la biblia legendo, la homoj volis konstrui turon altan ĝis la ĉielo. Ekkolerinte pro tiu ĉi fiera entrepreno de la homoj, Dio miksis ili an lingvon, kaj la homoj ĉesis kompreni unu la alian. Tio ĉi estis unu el la plej grandaj malfeliĉoj de la homaro. Multe la homoj devis kaj devas suferi pro tiu ĉi mikso de la lingvoj, kaj tre ofte en siaj sonĝoj ili transportadis sin al tiu legenda, paradiza antaŭbabilona tempo, kiu perdiĝis por ili ŝajne je eterne. Prezentante la pentrojn de ia feliĉa tre malproksima tempo estonta, la profetoj kaj poetoj promesas al ni, ke estos iam unu popolo sur la tuta tero kaj ĉiuj homoj parolados unu lingvon. Ĉu tiu ĉi dolĉa ora tempo estas frukto de fantazio neniam efektivigebla? Longan tempon neniu en la mondo respondus tiun ĉi demandon alie ol: „Jes, lingvo tutmonda estas dolĉa utopio, kiu neniam povas efektiviĝi“! Kaj en nia tempo ankoraŭ la plej granda parto de tiel no mataj „prudentaj“ homoj, kiuj ne amas pripensi ian novan demandon kaj por kiuj ĉia nova celado estas absurdo, — kun jupitera graveco respondos al vi: „Lingvo tutmonda estas sensencaĵo, kaj tiuj, kiuj sin okupas je ĝi, estas idiotoj“! Kaj se tiuj ĉi „prudentaj“ homoj havas ankoraŭ ian influon sur la amasoj, tiam tiuj ĉi amasoj blinde ripetadas iliajn vortojn kaj eĉ ne prenas sur sin la laboron rigardi, kio estas „lingvo tutmonda“, ne donas al si eĉ por unu minuto la demandon: kial oni nomas tiujn homojn utopiistoj? eble tiuj utopiistoj estas pravaj?